# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 18/04/2015 Ducent dektria eldono 18/04/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas kopiojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

# 66. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Konjunkcioj kaj Subjunkcioj. B.

La subordaj kombinoj ofte konsistas el ĉefelemento kun prepozitivo kiu difinas la ĉefelementon, ekz. "La patro(n) kun sia filo"; kaj "sur la bordo de la maro". La du elementoj povas kunfandiĝi al unu kunmetita nova vorto, ekz. "La tuko por la tablo" > "La tablotuko"; .ĉi tiu procedo nomiĝas aglutinado.

Kiel ni konstatis antaŭe, ĉiu frazparto (frazelemento, kiel subjekto ktp.) povas konsisti el du partoj (aŭ pli) ("La knaboj naĝas kaj piedpilkas". Sed ankaŭ la tuta frazo, nomita "propozicio", povas konsisti el pli ol unu partoj, el du aŭ pli da propozicioj, ree AŬ samrajtaj AŬ subordaj ĉe ĉefelemento. Se samrajtaj, la du propozicioj ligiĝas per sama konjunkcio kiel ligiĝas egalrajtaj elementoj de frazparto: "kaj, aŭ, ĉar, do, nek, sed, tamen", kaj pluraj aliaj, funkciantaj kiel konjunkcioj, ekz. "Ili iros al la marbordo sed ni restos hejme" kaj "Ju pli oni atentas, des pli oni lernas".

Marcel Leereveld.

# Esperanto-Klubo de Centra Marbordo (NSK)

Dimanĉon, la 12-an de aprilo, okazis malgranda sed inda kunveno ĉe Sanctuary Cafe, Erina Heights. Ni diskutis planojn por la estonteco de nia grupo, kaj kiel ni povus pligrandigi ĝin. Ni identigis tri taskojn: 1. Konigi Esperanton al tiuj, kiuj eble neniam aŭdis pri ĝi; 2. Enkonduki Esperanton al interesitaj homoj; 3. Instrui Esperanton. Ni diskutis ideojn pri kiel ni povus fari tiujn. Iuj el ili estas: Organizi malgrandan lokan informeventon; Sendi komunikon al loka gazeto (ekz-e: "Central Coast resident to represent Australia at 100th World Convention") kun detaloj de informevento; Krei paĝon en Facebook por nia grupo; Aĉeti celotajn reklamojn en Facebook; Proponi diversajn kaj divers-stilajn kursojn, inkluzive de U3A. Post la kunveno, ni kreis retan kunlaboran dokumenton en Google Drive por daŭrigi nian disktuton.



Foto: (de maldekstre) Alan Turvey, Jonathan Cooper, Gerry Phelan, Jo Cho.

*Raportis Jonathan Cooper*

# Kununurra, urbeto en la norda parto de W.A.




Sabaton, la 23an de majo, 2015, Sidnejo-loĝinto Marko Schmidt prezentos pri Esperanto en la publika biblioteko de Kununurra. Kununurra estas mezgranda, kampara urbeto en la norda parto de Okcidenta Aŭstralio. La prezento okazos de la 10a ĝis la 11a kaj duono. Marko instruos Esperanton, kaj poste prelegos pri Esperanto. Esperanto AE-legantoj povas disvastigi tiun ĉi novaĵon en Esperantujo. Se vi havas demandon, skribu al mi respoŝte: j_marc_s@hotmail.com

Amike, Marko Schmidt

# Manko de kontribuantoj (3zzz kaj AE)

Kara Roĝer; Mi ricevis "Aŭstraliaj Esperantistoj" Numeron 211. Mi legis ĝin kaj viajn petojn al legantoj: Mi tute konsentas kun vi, se ne estas senditaj novaĵoj de legantoj, ne estas facile plenigi la paĝojn sen flankaj kunlaborantoj. Mi persone spertis la samon kiam mi komencis kun Esperanta radia programo ĉe 3zzz. Mi persone petegis helpon de ĉiuj, eĉ de miaj amikinoj kaj amikoj kiuj ne estas esperantistoj, nur por ke radio ne ĉesu; du jarojn mi estis sola, por trovi kion prezenti ĉiun lundon, kolekti membrajn kotizojn, prezenti programon, ĉeesti ĉiun kunvenon oficialan ĉe radio, deĵori en la radiostacio plurfoje semajne.
Roger estu pacienca kaj daŭrigu. Vi ne estos forgesita. Nur provu pligrandigi la kernon de la bulteno.
Se vi deziras nur informojn pri esperantaj kluboj kaj federacioj, ne multe ŝanĝiĝas de semajno al semajno, la bulteno estas preskaŭ sen ŝanĝo. Ne estas surprizo ke ne estas sufiĉe da materialoj por plenigi paĝojn.
Tamen mi kun ĝojo kaj intereso legas ĉiun linion en la bulteno. Se vi ne sendos al mi, mi tamen petos de tiuj kiuj ricevadas ĝin.
Sincera leganto de via gravega laboro. Mi aprezas ĉiujn kiuj donas sian volon kaj tempon por Esperanto.
Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com

# MONDA TAGO DE SANO: NUTRAĴA SEKURECO

Ekde la 7-a de Aprilo 2015 — Monda Tago de Sano — ĝis la fino de tiu monato, la Monda Organizaĵo pri Sano, branĉo de Unuiĝintaj Nacioj, plenumas mondan, propagandan kampanjon pri **Nutraĵa Sekureco**, por antaŭenigi inspektadon kaj kontroladon de la nutroĉeno, de kamparo ĝis manĝtablo.

***"Ĉiuj venkoj estas decide je nia atingopovo, per la forto de nia laboro".***

El la centra sidejo de Legio de Bona Volo, plej bondezire kaj fratinece,
Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com



# La Adelajda Esperanto-klubo.

Anoj kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.

La 12-an de aprilo grupo de adelajdaj esperantistoj ekskursis al la loka Urrbrae marĉtereno (wetland). Estis agrable promeni en la naturo kaj vidi pozitivan traktadon de la akvo, fluanta de la Adelajdaj montetoj.
Katja Steele



Surfote: 1, Michael Carney, Trevor Steele Indrani Beharry-Lall, Katja Steele



2, Madeleine Carney diskutas kun la ĉiĉeronino

Sendis
Katja Steele

# Esperanto en Orienta Timoro

Heidi Goes:- Legu pri mia agado en Orienta Timoro:
https://www.sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/instruvojaghoj/dua

# Esperanto-Domo Sidnejo



La 3an de majo 2015 okazos la venonta kunveno.
★★★★
Merkredon la 15an de Aprilo venis Roger Springer kaj Ian Wylles Je la 10atm. Ni riparis la eksterajn lumojn kiuj prilumas afiŝojn ĉe la strato. Ordigis la korton kaj la domon, aranĝis la meblaron por ke ĝi estu preta por Esperanto-kunveno, laboris per la komputiloj. ktp
Ni vespermanĝis ĉe la loka proksima pica butiko.
Ni miris kiom da miloj da homoj preterpasas la ED irante inter la vagonara haltejo de Redfern kaj la Universitato de Sidnejo. Poste ni reeniris ED kaj ni atendis ĝis 7.30 ptm kaj ĉar aliuloj ne venis, Ian kaj Roger fermis ED kaj hejmen iris. Pro la maloftaj pramŝipoj dum la nokto, Roger atingis sian hejmon je 9.30ptm.
★★★★★★
Hodiaŭ Margaret Chaldecott eliris el la malsanulejo kaj reloĝas sane en sia domo.

## Niaj legantoj komentas

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Ĉion bonan kaj ne malkuraĝiĝu, ne ĉiam funkcias glate, do ne timu. Viaj agadoj estas valoraj pli ol oni pensas. Svetislav Kanaĉki
Estus pli interese se fotoj havus la nomojn de la fotitoj. Aŭstralio estas granda kaj ne ĉiuj renkontis la homojn fotitajn. WA .
Ankaŭ mi ne konas la nomojn de ĉiuj laŭ la vizaĝo. Roger S

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001
La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

La venonta Kunveno okazos la 18an de Aprilo. Eunice invitis la alvenontojn iri al ŝia hejmo post la kunveno por lunĉi.

# Franciska Toubale vizitis min en Manly



Roger kaj Franciska

Okaze de la vizito de familianoj el Anglujo, mi forflugis al Sidnejo, kie ni luis apartamenton en Manly.

Kia surprizo kiam mi vidis tute apud tiu domo afiŝon pri la ĝardeno kaj la fiŝejo „Esperanto."

Mi rekonis la fiŝojn de Roger pro artikolo, kiu antaŭe aperis en la Novaĵletero.

Do mi frapis je la pordo kaj salutis lin.

Tio tute ŝanĝis la etoson de mia vojaĝo

Franciska Toubale

# Esperanto Word of the Day

Per tiu retejo, vi povas lerni unu plian Esperanto-vorton ĉiun tagon (vi povas ankaŭ elekti aliajn lingvojn) http://www.transparent.com/word-of-the-day/today/esperanto.htm Amike, Nicole

Ankaŭ vi povos lerni unu plian Esperanto-vorton ĉiun tagon per „Lernu" Amike Roger

## Vortoj de "Lernu"

### KALUMNII

Malutili al ies honoro aŭ reputacio, komunikante mensogajn sciigojn pri ties karaktero, konduto ktp.:

Ne kalumniu lin antaŭ lia ĉefo.

Tiu kalumnia informo malbonigis lian reputacion.

Kontraŭ kalumnio helpas nenio.

Kalumniante konstante, oni eĉ anĝelon nigrigas.

Se kalumnio eĉ pasas, ĝi ĉiam ion lasas.

Kalumnianto disigis amikojn.



## BLASFEMI

1. Direkti malrespektajn kaj ofendajn vortojn al Dio, diaĵo, religio aŭ pli ĝenerale al ĉio konsiderata plej respektinda; paroli malrespekte kaj ofende pri tiaj aferoj:



Ne blasfemu kontraŭ Dio.
Mi estis surprizita pri liaj blasfemaj kaj malĉastaj paroloj.
Mi esperas, ke oni pardonos mian blasfemon.
Tiu fiera blasfemulo agas kun kolero kaj malboneco.

2. Insulte malbeni:

Li estis nervoza kaj blasfemis kontraŭ tiu ulo per koleraj wortoj.

## Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 184 | 185 | 186 | 187 | 188 | 189 | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | ■ |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

**Reklamu vian klubon - Sendu informon.**







